# KATOLIKA MONDO

Universala Organo por tutmondaj interesoj katolikaj

Oficiala internacia organo de „Internacio Katolika“ (Ika), de „Mondjunularo Katolika“ (Moka), de „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista“ (I. K. U. E.) kaj de „Blanka Kruco“ (Internacia misio katolika)



Numero 3. 1921 | I. Jarkolekto 1921/22


# La savigo de l' Eŭropo.

## Raporto de S[ro] D[ro] Arendzen, Londono, okaze de la internaciaj katolikaj konferencoj en Graz.*)

La diferenco inter la enlandaj kaj eksterlandaj misioj fakte ne estas tiom granda, kiom oni kutime diras. Ĉar multaj homoj de la Eŭropa kulturteritorio preskaŭ pli malproksimaj estas al la Sankta Eklezio ol la idolanoj en Azio kaj Afriko. La misiistoj rakontas al ni, ke la idolanoj ofte portas en siaj koroj la sopiregon je la supernatura religio, ke ili sentas ion, kion Tertuliano nomas „anima naturaliter christiana“, la animo laŭnature krista. Ni malfeliĉaj „kristanoj“ en Eŭropo tion preskaŭ estas perdintaj; certe ne la veraj infanoj de la katolika eklezio, sed la „laŭbaptatestaj“ katolikoj, kiuj havas nur la nomon de katolikoj, fakte tamen estas novidolanoj. Tial la remisiigo de l' Eŭropo pli kaj pli reidolaniĝinta estiĝas urĝa tasko moderna.

Por efike solvi tiun ĉi problemon absolute estas necese, ke oni sincere rekonu la verajn faktojn. Oni ne povas komenci la laboron, sen rekoni la certan realecon, ke ni fakte vivas en kulturhomaro pli aŭ malpli idolaniĝinta.

Sed la rekono de la fakto tute ne estas „pesimismo“; tio ne signifas, „ke ĉio estas perdita“. Tute ne! La rekono de la faktoj same povas esti „optimismo“. Kaj en la spirito de ĉi tiu optimismo mi diras: Jes! Rekonu vi la faktojn! Sed ne kontentiĝu kun la faktoj, kiaj ili estas, sed klopodegu ilin superigi kaj formi ilin, kiaj ili devas esti.

Mi tute ne diras, ke la situacio de l' eklezio hodiaŭ ne plu estas tiel bona ol antaŭ kelkaj centjaroj. Ĉar l' eklezio estas pli granda ol Eŭropo. Sed oni ne povas nei la fakton, ke l' eklezio en Eŭropo perdis multe da anoj kaj verŝajne perdos pluajn estonte. Laŭ la vortoj de la Savinto l' eklezio ja daŭros eterne. Sed nenie estas skribita, ke Eŭropo mem por ĉiam devus resti krista, membro de l' eklezio. La norda Afriko iam estis tute krista; ĉi tie vivis la S[ta] Aŭgustino, la S[ta] Cipriano; eble la nordafrika eklezio estis iam la plej belfloranta! Kaj hodiaŭ? L' eklezio estas preskaŭ neniigita en ĉi tiu teritorio depost multege da centjaroj! Same estas ebla — ni tute ne volas atendi tion —, ke ankaŭ Eŭropo ne restos krista, ke l' eklezio devas serĉi sian centron ekstere de Eŭropo, eble en Azio aŭ Afriko! Do ni tute ne devas opinii, ke l' eklezio malpligrandiĝis, ĉar ĝi perdis anojn en Eŭropo. Sed tiom ni devas certiĝi, ke en la hodiaŭa Eŭropo la plimulto de l' homoj denove estiĝis idolanoj.

Oni tro ofte diras pri la „katolika Belgujo“, la „katolika Aŭstrujo, Hispanujo, Francujo ktp.“. Ne! Diru ni ne plu tian vorton! Ĉar ĝi ne estas vera kaj la malvero neniam estas bonaĵo. Certe ekzistas multege da bonegaj katolikoj en ĉi tiuj landoj, sed sama nombro, se ne multe pli granda, aliaj, kiuj ne plu estas katolikoj. Tial estas malvero diri, ke tiaj landoj estas katolikaj. Do estu ni infanoj de l' Dio, infanoj de l' Vero, kaj atestu ni la veran fakton: Eŭropo hodiaŭ ne plu estas krista. Kaj tiu ĉi fakto rekonita devigas nin de si mem al jena konkludo: Do estas necese, ke ni ĉiuj denove estiĝu misiistoj por labori en Eŭropo kiel en misia lando, por regajni la Eŭropanojn por Kristo kaj Lia sankta eklezio.

Se ni mem volas komenci ĉi tiun malfacilegan taskon, precipe ni devas demandi, per kiaj iloj ni plej bone povas solvi nian problemon? Je[illegible] kiuj montris sin sukcesigajn antaŭ 2000 jaroj, kiam l' eklezio komencis misii la mondon, la metodoj, kiujn la misiistoj uzas hodiaŭ sukcesplene en la idolanaj regionoj, la samajn metodojn ankaŭ ni devas ĝenerale uzadi, se ni volas remisii Eŭropon.

Do demandu ni la misiistojn de l' eksterlanda misio: „Kiamaniere vi procedas por kristanigi la homojn? Kiajn principojn uzadas vi? Ni volas lerni de vi.“

Tri estas laŭ mia opinio la ĉefaj principoj de la katolika misia agado. La eksterlandaj misiistoj (kiel la prakristanaj), uzas ilin kun plena sukceso; do ni devas ilin ankaŭ rekoni por la enlanda misio, por la misio de la novidolanaro en Eŭropo. Jen la tri principoj!

1[e]. Kiam iu misiisto foriras en idolanan regionon por misii la homojn, li unue devas lerni la lingvon de la loĝantaro. Sen tio la misio estas neebla. En la enlanda misio tio ŝajnas superflua. Sed mi pensas, ke tiuspeca opinio ne estas tute ĝusta. Se nia prizorganima kaj misia laboro ofte restas sen sukceso, plej ofte estas la kialo, ĉar ni ne konas sufiĉe la lingvon de la loĝantaro, de la popolo. Ne sufiĉas, ke oni uzadu francajn aŭ germanajn aŭ anglajn vortojn. Oni devas esti kapabla pensi tute laŭ la imago kaj la pensmaniero de la nekatolikoj, de la nekristanoj hodiaŭaj, por ke ni scipovu uzi la vortojn tiamaniere, ke la aŭdantaro komprenu nin kaj ni tuŝu iliajn korojn. Tio estas paroli la lingvon de la popolo!

Ni pastroj tro ofte parolas lingvon, kiun la moderna homo ne plu komprenas. Plej ofte ni lernas la teologion en la latina lingvo, kiu apartenas al la pasintaj tempoj. Plej ofte ni studas la Dian Instruadon laŭ la lingvo de la 13[a] jarcento, sed ne laŭ la lingvo kaj la esprimmaniero de la 20[a] jarcento.

Ĉu tia postulo eble volas diri, ke oni devus ŝanĝi la dogmojn por akomodi ilin al la moderna tempo? Tute ne. Mi havas la kredon de mia patrino kaj mi estas decidinta konservi ĝin sensanĝite dum mia tuta vivo. La modernismo estas kaj restu fremda al ni! Tamen estas necese, ke la neŝanĝita kaj neŝanĝebla vereco, malkaŝita per Dio mem, hodiaŭ estu predikata en tia lingvo, ke unuflanke doktoro, profesoro, juristo, instruitaj laŭ la esprimoj de l' moderna filosofio, kaj aliflanke ĉiu laboristo, metiisto, vila-[illegible] hodiaŭ en la preĝejoj la inciton, ke ni agu bonajn farojn. Sed se tia incito ne estas laŭlingve konforma al iliaj ĉiutagaj imaginaĵoj, ĝi ne havos daŭran efikon. Sendube la homo de la 20[a] centjaro havas la rajton aŭdi la Dian instruon en sia propra lingvo kaj laŭ sia propra pensmaniero. Tial estas necese, ke en la pastraj seminarioj oni ne nur instruu la dogmaron mem, sed ankaŭ lingvon, kiu povos esti komprenata de la hodiaŭaj homoj.

La saman oni devas diri rilate al la laikoj, kiuj ĉiuj devus esti misiistoj aŭ misihelpantoj, sed bedaŭrinde ne estas ĝis nun. Kaj la kialo? Ili ofte akceptas la Diajn verojn en la ŝolastika lingvo, kiun ili mem ne sufiĉe komprenas. Kaj tial ili ne kapablas ĝuste disvastigadi aŭ defendi ilin kontraŭ la alikredanoj, ĉar ili ne povas esprimi la verojn de l' kredo en ilia lingvo.

Prave oni povus diri, la lingvo de l' mezepoko estis pli bela, pli preciza, pli klariga ol la hodiaŭa. Sed tio ne estas grava: ĉar la nuna lingvo estas la unusola, kiun oni komprenas hodiaŭ. Pro tio ĝi devas esti la misia lingvo de l' eklezio.

*) La konferencanoj unuanime decidis, disvastigadi la belegajn ideojn en la tuta mondo. Do oni prizorgu la disvastigon en la naeia gazetaro!

## LA PATRO.

De Leonhard Frank, esp. W. K. 3

Kaj dum la parolanto trinkis akvon kaj ordigis sian kalkulliston, Roberto diris: „Tio ĉi estas pafilo. Tiun mi . . . mi mem aĉetis ĝin por mia knabo. Per tiu li ludis. Per tiu li nerimarkeble forludis la amon el sia koro. Per tiu li lernis pafi. Mi lernigis al li pafadon, lernigis al li mortigadon. Mia filo falis. Li estas mortinta. Mi estas lia mortiganto . . . patra fiero, gloramo, senpripenseco kaj kutimo faris min mortigiston. Kaj tamen mi nur faris, kion ankaŭ vi faris. Ankaŭ el vi multaj perdis sian filon . . .“

Roberto frapegis la pafileton kontraŭ sia genuo kaj trankvile metis la du pecojn malsupren ĉe siaj piedoj. „Tion mi estus devinta fari antaŭ dekkvin jaroj. Ĉu vi faris tion? . . . Do ankaŭ vi estas mortigantoj.“

„Niaj edzoj kaj niaj filoj mortpafas edzojn kaj filojn. Kaj tiuj edzoj kaj filoj mortpafas niajn edzojn kaj filojn. Kaj ĉiu hejmrestinto esperas: mia edzo, mia filo revenos. La aliaj falu kaj mortu . . .!“

„Tion nur frenezulo povas deziri . . . Mi demandas vin, ĉu tiu ne estas mortiganto, kiu edukas senkulpan infanon tiel, ke li antaŭe devus fariĝi mortiginto, antaŭ ol li mem estas mortigata? Ĉu la tiamaniere edukita senkulpulo ne fariĝas mortiganto, kiam li mortpafas same malbone konsilitan senkulpulon? Ekzistas hodiaŭ en Eŭropo neniu homo, kiu ne estas mortiganto! . . . Ni estas blindigitaj kaj mortigantoj, ĉar ni serĉas la kontraŭulon ekster ni kaj opinias lin trovi. Ne la Anglo, Franco, Ruso kaj por tiuj ĉi ne la Germano, sed en ni mem estas la malamiko. Kaj ni tial stampas aliajn homojn malamikojn, ĉar la fakta malamiko en ni estas io, kio ne ekzistas. La neekzistado de la amo estas la malamiko kaj la kaŭzo de ĉiuj militoj. Tuta Eŭropo ploras, ĉar tuta Eŭropo jam ne povas ami. Tuta Eŭropo estas freneza, ĉar ĝi ne povas ami.“

„Aŭ ĉu ne estas frenezo, kiam vi ĝojas pri la noto: dumil francaj kadavroj kuŝis antaŭ nia linio? Ĉu la loĝantaro de Parizo ne estas freneza, kiam ĝi ĝojas pri la noto: dumil germanaj kadavroj kuŝas antaŭ nia linio?“

„Ni krias pro doloro aŭ la okuloj restas sekaj pro doloro, kiam nia filo falas. Tiel longe kiel ni ne same krias pro doloro, kiam falas Franco, ni ne amas. Tiel longe kiel ni ne sentas: homo, kiu ne ofendis nin, falis kaj mortis, tiel longe ni estas frenezuloj. Ĉar tiu homo, kiu falis kaj mortis, havis patrinon, patron, edzinon, kiuj krias pro doloro. Estas homo. Volis vivi tiom volonte. Kaj devis morti. Pro kio? Kial? Li devis morti, ĉar li ne amis. Kaj ni, liaj mortigintoj, lasis lin morti, ĉar ni ne amis.“

Roberto faris dum la parolado tute malgrandajn movojn per la mano, tiel ke la blanka kelnertuko pendmoviĝis. Estis tiom malfacile, sciigi ankaŭ al la aliaj, kion oni mem sentis kaj ekkonis. Kaj tamen la tuto estis tiom simpla, tiom memkomprenebla. Sed la homoj estis foririntaj de la memkomprenebleco. Ili simple forgesis la amon, kiel oni forgesas sian ombrelon.

„Oni ja nur bezonas ami, tiam ne plu krakos pafo. Jen estos la paco. Jen ni estos infanoj sur nia tero . . . La tuta kontinento ploras. Per tio oni do sentas, ke la kontinento estas kapabla al amo. Tute senespera nur tiam estus ĉio, se Eŭropo ridus, ĉar tuta Eŭropo sangadas. Sed ne ekzistas domo en Eŭropo, en kiu ne fluas larmoj. Tio estas la amo, kiu ploras el la homaj okuloj, ĉar ĝi estas forpelita el la koroj de la homoj.“

„Kion vi faros, se en tiu ĉi momento fremda al vi homo enirus la salonegon kaj puŝus al unu el vi, kiun li neniam vidis, la bajoneton en la korpon? Vi ne komprenus la frenezulon. Tute la saman faras viaj edzoj kaj filoj, ankaŭ ili puŝas al edzoj kaj filoj, kiujn ili neniam vidis, la bajoneton en la korpon, ke la trapuŝita ekkrias, tordiĝas kaj falas. Kion li faris al via filo? Kaj kion via filo faris al tiu, kiu puŝis la bajoneton tra lia korpo? . . . Ĉu vi jam unu fojon imagis, kiamaniere via juna filo mortis, kiu tiom volonte, ho tiom volonte ankoraŭ deziris vivi? . . . Knabino, imagu la lastan ekvidon de via fianĉo, kiu vundita, soifanta ses horojn dum la somera varmego pendis en la pikildrato. Imagu lian lastan, terure longan ekvidon!“

„Virino“, diris Roberto al iu ekpaliĝanta, mallaŭte, ke ĉiuj sepcent ĝin aŭdis, „kion via edzo, kiun vi amis, kiu al vi donis panon kaj infanojn, faris al tiu, kiu puŝis la bajoneton en lian korpon?“

La virino ploretis, ŝia kapo malleviĝis sur la kapon de tiu, kiu sidis apud ŝi.

(Daŭrigota.)

Ekzistas du lingvoj hodiaŭ: la lingvo de l' intelektularo kaj la lingvo de l' simpla popolo. L' eklezio devas koni kaj paroli ambaŭ. Sed ŝajnas al mi, ke la lingvo de l' intelektularo preskaŭ estas pli signifa ol la lingvo de l' proletariato; ĉar la popolamaso ĉiam sekvas la gvidantojn intelektulajn. Se ni sukcesas regajni la klerulojn, per la gvidantoj ni regajnos pli facile la popolmason.

2e. La dua ĉefprincipo de la katolika misio estas laŭ mia opinio, ke oni disigu la religion, kiu estas supernatura afero, de ĉiuj mondanaj kaj paseblaj aferoj.

Praktika ekzemplo montru, kion mi volas diri: Komparante la katolikan kaj protestantan misionon, mi vidas tre gravan diferencon rilate la metodon, per kiu estas komprenebla la granda sukceso de la katolika misio kompare de la malgranda sukceso de la misio protestanta. Kiam iu protestanta misiisto venas en Uganda'n aŭ al la Kongo'n, li komencas per la disvastigo de l' civilizo. Se la loĝantoj ne manĝas kun forkoj kaj kuleroj, oni devas ĝin instrui al ili, kaj se li ne portas la Eŭropan vestaĵon, oni devas instruj al ili la Eŭropajn kutimojn. Nur post la civiliza eduko, post la forigo de la malbonaj kutimoj venas la prediko de l' evangelio. Jen tial ofte la protestanta misio malsukcesas, ĉar ilia misio ofte nur serĉas mondanajn celojn kaj ne venas ĝis la supernatura religio.

Tute alie procedas la katolika misiisto! Unue li predikas Kriston opiniante, ke la kristanigitaj homoj de si mem akceptos la kristanajn kutimojn.

Se oni vidas ian protestantan misian stacion, ĝi plej ofte estas ekstere pli impona ol la katolika. Ĉio estas bonege aranĝita kaj faras ĉarmigan impreson. 10 aŭ 20 aŭ eble 100 el la enlanda loĝantaro apartenas al ĝi. — Se oni venas en katolikan stacion, oni ofte trovas, ke la enlandanoj ekstere estas iom malprizorgitaj, sed estas mil aŭ dekmil, kiuj estas akceptintaj Jesuon Kriston — kaj tio estas la [illegible]

Tiun ĉi metodon mi volas ankaŭ uzi en la hejmlanda misio. Certe mi scias ke mi ne trovas la ĝeneralan kunsenton. Tamen laŭ mia opinio mi diras jenon:

Multoj eble diros, por rekonduki Eŭropon al la katolika kredo unue estas necese, ke oni forigu la maljustajn sociajn malbonaĵojn, la kapitalismon ktp., por ke la homoj estiĝu kapablaj esti konvertataj. Mi bone komprenas ĉi tiun opinion, sed mi pensas, ke tia estas protestanta metodo misia kaj ne la katolika.

Uzu ni nur la katolikan metodon! Mi opinias, ni misiistoj tute malkaŝe devas diri: Ni principe estas tute neutralaj rilate ĉian ŝtatan aŭ ekonomian formon. Ni same predikas en komunista ŝtato kiel en iu alia; ĉar ni venas de Dio kun supernatura evangelio. Kiamaniere la homoj venas en la ĉielon, tio estas la decida problemo por ni, tion ni devas sciigi al la mondo. Se ni procedas tiamaniere, ni tuj gajnos la konfidon de la homoj. Ĉar la plej granda parto de la modernaj homoj estas malamikoj de ni, opiniante ke ni estas en daŭra kaj nesolvebla interligo kun ia politika aŭ socia aŭ simila institucio, kiujn ni defendus. Ĉiuj do, kiuj ne rekonas tiuspecan formon, de si mem estos kontraŭuloj de l' evangelio.

Se ni tamen estas nur spiritaj, nur supernaturaj — ĉiam akcentuante tion — ni havas malplimultajn konfliktojn kaj kun multe pli granda sukceso ni predikas la sanktan evangelion.

Kiamaniere estas la tiu rilata-stato en Anglujo? La protestanta parohestro estas la centro de la socia movado. Li estas la prezidanto de ĉiuspecaj institucioj karitaj, ekonomiaj ktp., la centro de ĉiuj bonaĵoj mondanaj. La katolika pastro tamen ne tiom multe partoprenas je tiurilataj laboroj: Por li estas la unua tasko la prizorgado de la animoj. Kion pensas la popolo pri tio? En Anglujo estas ĝenerala opinio, ke la protestanta pastro prizorgas la naturajn bonaĵojn, dume la romkatolika pastro estas supernatura homo, homo Diosendita, kiu diras supernaturaĵojn. Se oni serĉas religion, oni iras al li. Jes, tia estas la solvo: Ni denove devas estiĝi profetoj, ni ĉiuj! La profetismo de l' supernatureco devas reekviĝi, kiel estis je la komenco de la krista misio. Tiam la krista misiisto ne komencis sian laboron predikante kontraŭ la malbonajn statojn kaj instituciojn. L' eklezio kristanigis Eŭropon parolante: Se vi serĉas Dion, venu al ni! Do revenu ni al ĉi tiu misia metodo — kaj ĉio alia venos de si mem.

Ekzemplo! La sklaveco estis honto, la plej granda honto de l' homa historio, tiel terura krimo, ke ĉiuj maljustaĵoj de la moderna socio ne povas esti komparataj kun ĝi. Kaj tamen l' eklezio neniam esprime kontraŭbataladis ĝin. La Sta Paŭlo eĉ ordonadis, ke la sklavoj devu obei al la majstroj. Kaj tamen per l' eklezio mem, kaj ne laste per la Sta Paŭlo, la sklaveco malaperis. Per la spirita eduka laboro de l' kristanismo la sklaveco estas forigita. Ĉu eble la tiama kristanaro estus devinta interliĝi sin kun la liberiga movado de Spartakus? Ne! Tiamaniere l' eklezio neniam estus sukcesinta kristanigi la malnovan Eŭropon. Uzante sian kristan metodon per la supernaturo ĝi venkis la naturajn malbonaĵojn.

Antaŭ kelke da tempo starante je iu stratangulo de Londono mi predikis pri la ĉefaj principoj de l' kristanismo. Unu el la aŭdantaro demandis min: „Diru, kion vi opinias pri la striko de la ministoj?" Mi nur respondis: „Kion mi scias pri tio? Mi venas de Dio por prediki, ke ekzistas eterna vivo."

Denove mi diras: Serĉu ni unue la Dian regnon! La predikado de l' eterna evangelio jam estas grandioza tasko. La paseblaj kaj perindaj aferoj estu nenio por ni! Ni ne havas tempon por pripensi tion. Prediku ni senlace, sencese: „Ekzistas unu Dio! Ekzistas unu eterna vivo. Kristo estas mortinta por ĉiuj homoj!" — Estiĝu ni denove profetoj de l' Dia regno, kaj ĉio alia estos aldonata al ni.

3e. Sed kio alportis tiel admirindan sukceson en la misia laboro dum la unuaj tempoj de la krista epoko? Mi diras sentime: La katehistoj, ĉar l' eklezio ne nur predikis per la lango de la sanktigita pastro, ĝi konvertis kaj konvertas la mondon per la langoj de la laikoj. Rigardu ni la eklezian historion! Eĉ la gvidantoj de la grandaj katehistaj lernejoj ne estis pastroj. Origines, Turtulian etc., kiel laikoj plenumis vere admirindan laboron por la sankta evangelio.

Jen, kiamaniere agadis la prakristanoj, same ni devas procedi hodiaŭ. Ĉiu lango devas esti uzata por la prediko de la sankta evangelio de Kristo. Kaj la langoj de l' pastraro malfeliĉe estas tro malmultaj. Tial l' eklezio ĉiam uzadis la langojn de la laikaro. „Prediku la evangelion al ĉiu kreaturo!" Rememoru ni la unuan konvertadon de la Eŭropaj popoloj! Kioman laboron plenumis la Benediktinoj? Kio estis ili? 99% ne estis pastroj, sed laikoj. Rememoru ni la gloroplenan tempon de la Krista renoviĝa movado de l' 13a centjaro! La Sta Francisko kaj liaj disĉiploj estis laikoj!

Oni ne kontraŭdiru, ke depost la tempo de l' reformacio l' eklezio ne plu volas uzi la laikaron. Dum la reformacio oni atakis la principon, ke la instruada aŭtoritato estas nur transdonita al l' eklezio kaj al la episkoparo. Tiam l' eklezio estis kvazaŭ en la stato de sieĝo. Pro tio la laikoj devis reteni sin por eviti la impreson, ke eble ili havus la instruadan aŭtoritaton. Sed hodiaŭ la danĝero de l' protestantismo estas forigita. Ĉar ĝi estas mortinta religio. Pro tio l' eklezio revenas al la plifrua metodo de l' katehistoj. Se la [illegible] en [illegible] regionon, li unue klopodas gajni katehistojn, laikojn, kiuj kapablas paroladi, kiam li mem forestos. Kiamaniere procedi alie, se en distanco de 4000 mejloj ofte nur estas unu misiisto! Kiamaniere li povus forlasi siajn novkonvertitajn, se li ne scius, ke la katehisto ĉeestos kaj klarigos la evangelion en la nomo de l' eklezio?

Kaj jen! La saman procedadon ni bezonegas en Eŭropo. Oni diris al mi, ke en ĉi tiu jaro oni sanktigos en Vieno naŭ pastroj'n! Kaj la eparhio havas du ĝis tri milionojn da katolikoj. Kiel plenumi la ordonon de l' Savinto: Prediku vi la evangelion al ĉiu kreaturo? Ĉu la tiom malmultaj pastroj povos fari tion? Ne eble! En la ĉefpreĝeja paroho de l' sama urbo, oni diris al mi, troviĝas 70.000 da katolikoj kaj nur ses prizorganimaj pastroj! Kiamaniere ili povos realigi sian taskon? Ĉu oni ne devas uzadi la laikojn? Ne nur kiel oficistoj de karito, ne ankaŭ kiel predikistoj de l' evangelio, ne kun la stolo en la eklezio, sed en la ordono de l' eklezio sur ĉiuj stratoj kaj placoj.

Dum la ses pasintaj jaroj en Anglujo oni realigis tion en admirinda maniero. Lia kardinala Moŝto Bourne iam kunveniginte la pastrojn de iu urbo diris al ili: Miaj karaj patroj! Se mi venas al vi por la vizitado, mi demandis, kiom da katolikoj vi havas. Eble estas 3700. Kaj se mi demandas: Ĉu vi konas ilin? Vi respondos: Jes, ĉiujn persone. Dank' al Dio? mi diros. Sed kiam mi venis en vian parohon, serĉinte en la libro mi ektrovis, ke la urbo havas 84.000 da loĝantoj. Kaj mi aŭdas, ke ili estas baptitaj. Kaj mi legis en la Codex juris canonici (eklezia jurlibro), ke ĉiuj baptitaj apartenas al l' eklezio. Tion vi ne povas dubi. Do vi havas en via paroho ne 3700 da animoj prizorgindaj, sed 84.000! Tion vi ne povas nei! Ĉar tio estus kontraŭ la kredo katolika. La bapto ja faras ilin membrojn de l' eklezio. Certe nur 3700, sed pli malgranda nombro, rekonas vin kiel parohestrojn. Sed tio neniel ŝanĝas la aferon. Pro tio la Dia juĝisto demandos vin: Kie estas la aliaj 80.000, kiuj same portas la insignon de Kristo sur siaj animoj? Kion vi faris por ili? Tiam vi ne povas diri: „Ni opiniis, ke nur estas 3700!" Ne, vi estas respondaj por ciuj! Certe mi scias, ke vi estas senpovaj kontraŭe de tiu-ĉi grandega nombro. Vi estas tro malmultaj. Tial vi bezonegas helpantojn kaj la helpantoj estas la laikoj. Do se mi sendas eruditajn laikajn helpantojn en vian parohon, ne malhelpu ilin! Ĝojegu, ke pli multe da langoj predikas Kriston!

Dum la lastoj jaroj ni edukis tiuspecajn laikajn helpistojn por 10 eparhioj. Mi mem estas en Londono la direktoro de la laikaj helpistoj. Ni edukas la laikojn per lekcionoj apologetikaj pri la defendo kaj klarigo de la katolika instruado. Je la fino de la kursoj ili de lia episkopa moŝto ricevas la permeson aŭ instrui infanojn en la lernejoj aŭ prediki publike la evangelion ktp. Tiam ili iras ekzemple sur la stratojn kaj placojn de Londono, kaj starante je iu stratangulo ili komencas la predikon: „En la nomo de la Patro kaj de la Filo kaj de la Spirito Sankta. Mi parolas ĉi tie en la ordono de la ĉefepiskopo de Westminster kaj predikos Kriston".

Komprenele ĉi tiuj laikaj helpistoj estas sub la obeemo de l' episkopo kaj ties anstataŭanto. Ne estas permesata, ke unu komencu prediki sen sufiĉa instruo. Ĉiu nur povas plenumi la taskon, por kiu li sukcesis la ekzamenon kaj ricevis la ateston. Oni donas kvin atestojn specialajn. Kiu havas ĉiujn kvin atestojn, ricevas la ĝeneralan permeson, kaj li povas esti destinata kiel estro de aliaj helpantoj.

La instruo estas tre ekzakta kaj ne nur teoria, sed precipe praktika. La lernanto devas scii, kiamaniere oni defendas la kredon kontraŭ ĉiuspecaj kontraŭdiroj. Se li per nenia kontraŭdiro povas esti disturbata, se li havas paciencon, li estas kapabla preni sur sin la koncernan oficon.

La principo estas gravega. Donu vi al la viro ion, kion li povas defendi, kaj li laboros por ĝi per tuta sia animo. Sed oni estus entuziasmiginta la homojn al la milito por la Dia regno — anstataŭ al la milito por reciproka sinmortigo — kiel ardan entuziasmon por la eklezio oni estus povinta ekvekiĝi inter la viroj! Sed malfeliĉe ni tion ofte forgesis, ke ni estas „eklezio militanta", ni tro ofte similas al „eklezio dormanta".

La movado en Anglujo feliĉe progresas bonege. Ankaŭ la pastroj, kiuj komence estis atendemaj aŭ eĉ malkonfidemaj, hodiaŭ salutas kaj subtenas ĝin. Kaj nun depost kvin jaroj oni predikas en Londono ĉiudimanĉe de la 3a posttagmeze ĝis la 10a senĉese la katolikan kredon al multaj mil, ja milionoj da personoj! La nekatolikoj hodiaŭ eble jam pli ofte aŭdas la evangelion katolikan el la buŝo de la laikoj ol el la buŝo de la pastroj. Ĉar en Londono ekzistas sep milionoj da homoj kaj nur 500 pastroj. Kiamaniere ili povus plenumi sian taskon sen la kunhelpo de la laikaj katehistoj?

Kaj kio per la Dia graco realiĝis en Anglujo, baldaŭ kreiĝos en la aliaj landoj. Baldaŭ la tuta Eŭropo aŭdos la sanktan evangelion de Kristo per la buŝo de laikaj katehistoj: Dio helpu!

Rev. Dro Arendzen, Londono.

## La graveco de internacia helplingvo unueca por la internaciaj taskoj nuntempaj de la katolikaro.

Kristo, nia Dia Savinto, kreis la internacian regnon de la amo kaj frateco, kaj, ĉar al la efektiviĝo de tiu regno kontraŭstaris la lingvaj diverseco j, li mem donis la lingvan donacon al la apostoloj, rajtigitaj por la starigo de la krista regno.

Sed ĉar la Dia providenco ofte kaj ordinare uzas la duajn kaŭzojn, poste la apostola epoko uzis la latinan lingvon por la disvastigo de la evangelia regno, ĉar la latina estis la lingvo de la fama, de la potenca kaj tiel granda roma imperio.

De tiu tempo la latino restis ĉiam la ilo de la internaciaj rilatoj por la eklezio.

Sed ĉar la krista regno iom post iom disvastiĝis pli ol la roma imperio, la latino iom post iom perdis sian internaciecon kaj hodiaŭ, post tiom da centjaroj, hodiaŭ, kvankam ĝi estis glora, ĝi ne povas taŭgi kiel internacia ilo. Ĝi taŭgas ankoraŭ, kvankam ne perfekte, por la pastraro, sed ankaŭ por la pastraro ĝi ne povas kaj ne estas internacia ilo, ĉar oni uzas ankaŭ la Grekan, Armenan kaj Siran lingvojn.

Sed mi devas fari ankaŭ alian rimarkon. Estas necese, ke ne nur la pastroj povas sin kompreni reciproke, sed ili devas kompreni la aliajn kaj esti komprenataj; estas necese, ke ankaŭ ĉiuj subuloj povas reciproke interrilatiĝi kaj interkompreniĝi.

La Krista eklezio estas la sola vere internacia societo. La religio de tiu-ĉi eklezio, al kiu ni gloras aparteni, ne konas landlimojn, kaj en la tuta mondo ni havas samreligianojn, ni havas fratojn en Kristo.

Sed estas taŭga afero, estas necese, ke la anoj de l' sama societo povu facile interkompreniĝi, interŝanĝi la ideojn; estas tute nature por fratoj, paroli saman lingvon. Bedaŭrinde ĝis nun la societanoj nur tiel malfacile povis interŝanĝi siajn pensojn, la fratoj ne komprenas la fratojn.

La apostolo de l' amo, post la sanigo de l' blindnaskita junulo, raportas post la konfuzo, embaraso, kiujn tiu miraklo kaŭzis inter la malamikoj de Kristo, la apostolo, Johano raportas la belegan alegorion pri la Bona Paŝtisto. El la Krista klarigo de la sama alegorio, ni komprenas, ni rimarkas, ke la paŝtistoj devas serĉi la perditajn ŝafojn, sed en la sama tempo la Dia Savinto deziras kaj volas, ke la ŝafoj ne disiĝu. Se la paŝtistoj, se la pastroj, devas serĉi la

ŝafojn, la katolikojn, la ŝafoj, la katolikoj ne devas forkuri, sed serĉi la paŝtistojn, la pastrojn, ĉar alie la homoj, la katolikoj estus pli ŝafoj ol la ŝafoj mem. Nur per reĉiproka laboro, nur per reciproka serĉado ni povos plenumi la Dian volon, la Kristajn vortojn „et fiet unum ovile et unus pastor". Unu ŝafaro kaj unu paŝtanto. Por plenumi la Kristan volon, la Kristan deziron, ni fratoj, ni katolikoj devas nin premi ĉirkaŭ nia komuna Patro, nia Bona Paŝtisto, la Papo. Nur tiel ni povos frukte labori, nur tiel ni povos konfuzi, ni povos venki la malamikojn; kaj, kiel la sankta apostolo de l' amo post la paŝtista alegorio, alvenas al la granda miraklo, la reviviĝo de Lazaro, tiel ni alvenos al reviviĝo de l' mortintaj animoj, ni trovos la perditajn ŝafojn kaj kunkondukos ilin en la veran ŝafaron, en la sanktan eklezion, sub la gvidado de l' vera paŝtisto, la Krista Vikario.

Ni devas kuniĝi. Sed ne sufiĉas, ni devas, por taŭge, por frukte labori, interkompreniĝi. Sen interkompreniĝo, nia laboro estus tro malfacila, tro malrapida, do ni devas interrilatiĝi, interkompreniĝi. Sed por nin kompreni, ni kiel fratoj, kiel filoj de la sama familio, kiel anoj de la sama societo, ni devas paroli la saman lingvon.

La vivo moderna estas internacia vivo. La nunaj taskoj ne plu estas regionaj aŭ naciaj kiel estis en la antikvaj tempoj, sed hodiaŭ ili estas internaciaj.

Per la modernaj transportiloj tre facile estas nun preterpasi landlimojn, kaj pro tio oni ne povas konsideri la gazetaron, la telegrafajn agentejojn, la policistaron, la politikon kc., nur kiel naciajn taskojn, sed nepre kiel internaciajn.

Sed bedaŭrinde, hodiaŭ ni pli facile kaj pli frue sukcesas kunigi la krurojn ol la kapojn, la materion ol la pensojn, la ideojn, ĉar pli taŭgaj estas la meĥanikaj komunikiloj ol la pensaj aŭ ideaj komunikiloj. — La diverseco de lingvoj kaŭzas tiun ĉi malhelpon.

Kio okazas pro tio? Okazas, ke ni tre frue povas nin trovi en niaj internaciaj kongresoj, en internaciaj konferencoj, sed tre malfrue ni sukcesas interkompreniĝi, interkonsenti pri pensoj, pri ideoj, pri proponoj.

Por malebligi ĉi tiun kontraŭaĵon oni limigas la nombron de la lingvoj uzotaj dum la kongresoj, dum la konferencoj, sed oni ne pensas, ke tiu fakto limigas ankaŭ la nombron de la personoj, de la partoprenantoj, kiuj povas kompreni, kiuj povus diskuti, kiuj povus ankaŭ esti personoj, partoprenantoj, kiuj havas la pli taŭgajn ideojn, la pli oportunajn proponojn.

Krom tio ankaŭ la laboro estas tro longa, tro peniga, ĉar por sendi depeŝon por la gazetaro, por la telegrafo oni devas fari senfinajn tradukojn.

Por simpligi la laboron, por pli bone, pli facile interparoli kaj interkompreniĝi, la socialistoj, la framasonoj, la liberpensuloj kc., kiuj estas niaj kontraŭuloj, en siaj internaciaj interrilatoj, en siaj internaciaj kongresoj, forigas la diversajn lingvojn kaj uzas nur la helpan lingvon Esperanton.

Kaj ni katolikoj, ni anoj de la vere internacia societo, ni filoj de la sama Patrino, ni, kiuj havas la saman kredon, la saman celon, nur ni ne uzos la helpan lingvon por pritrakti niajn aferojn, kiuj estas la plej urĝaj, la plej necesaj, ĉar animaj aferoj?

Ho ne! Ni, kiuj estis ĉiam antaŭgvardio de civila progreso, kiuj tenas la supergradon en ĉiuj sciencaj fakoj, kiuj devas pritrakti la interesojn de la animoj, la interesojn de nia kredo, hodiaŭ ni ne devas esti malprogresemaj, ni devas uzi la pli taŭgan intelektan komunikilon, la helpan lingvon, Esperanto.

Parolante la saman kaj belsonan lingvon ni pli frue, pli facile, pli taŭge, pli oportune povos interkompreniĝi, pli pace, pli ame interfratiĝi.

Finante mi bondeziras, ke ni katolikoj, ni en Kristo fratoj, en la estonto uzu en niaj interrilatoj, en niaj internaciaj konferencoj kaj kongresoj la helpan Zamenhofan lingvon, Esperanto.

M. Carolfi, Italujo.

## Katolicismo kaj internacia vivo.

La politika atmosfero en la komenco de la jaro 1914 jam ŝajnis anonco de proksimiĝanta orkano. La granda popolamaso eble ne antaŭsentis ion pri tio, sed spertuloj de la politika vivo malkaŝe rimarkis jam, ke ia streĉeco je la interŝtataj rilatoj pligrandiĝas, kaj ne estis malfacile observi, ke ĉie oni preparis sin pro eventuala eksplodo.

Dum tiu tempo — en la unuaj tagoj de Julio — mi ricevis la inviton de lia episkopa moŝto de Liége (Lüttich) je porpaca konferenco de katolikoj aranĝota la 8an ĝis 10an de Aŭgusto. Bedaŭrinde tiam la mondmilito jam eksplodis, kaj nature la konferenco devis forresti.

Tamen mi mencias tiun unuan provon por katolika internacio. En Francujo jam de eble dek jaroj agadis katolika porpaca societo, komence nomita societo Quatry, poste kiel ligo de katolikoj por la paco. Estis precipe faritaĵo de la eminenta kaj senlace laboranta Sro Vanderpool en Lyon, kiun ni perdis dum la milito mortinta sekve de la morto de siaj du filoj sur la militkampo.

La menciita ligo eldonis dum kelkaj jaroj bultenon, kiu enhavis tre interesajn kaj gravajn artikolojn pri katolicismo rilate al la pacmovado. Vanderpool siaflanke eldonis tre gravajn science ellaboritajn verkojn pri la sama afero.

Dank' al la klopodoj de Sro Vanderpool ankaŭ en Belgujo, Holando kaj Anglujo fondiĝis similaj societoj. La belga katolika porpaca societo ankaŭ eldonis bultenon, kies redaktoro estis Sro I. P. Haoussa (Warremme), kiu bedaŭrinde antaŭ kelkaj jaroj mortis. En Anglujo precipe lia episkopa moŝto Casantelli, episkopo de Manchester interesiĝis pri la afero, kiun li en sia Fasto-pastraletero de la jaro 1914 varmege rekomendis. Tamen inter tiuj klopodoj ne estis ia kunligo aŭ interŝanĝo. Dum la milito tiuj katolikaj societoj preskaŭ ĉesiĝis. Depost 1917 laboris kun la sidejo en Graz la mondpacligo Blanka Kruco. En Belgujo dank' al la klopodoj de P. Philippe nova societo naskiĝis, la Ligo apostola (Ligue apostolique).

Tamen nun post la milito estas nepra devo de la katolikaro partopreni je la porpaca movado. Tio estas la postulo de la tago. Kiel la socia demando regis la pasintan jarcenton, tiel la nunan regas la internaciaj kaj interŝtataj demandoj. Oni povus diri, ke la internacia demando, la interkonsento de la popoloj, ĝenerala senarmiĝo kaj internacia arbitracia tribunalo estas eminentaj partoj de la socia demando. Almenaŭ la solvo de la socia demando ne estas ebla sen la solvo de la internacia demando.

Kaj la Dia providenco, kiu donis al la eklezio la grandan socian Ĉefpastron Leonon XIII., donis ankaŭ al nia jarcento Ĉefpastron, kies plej saĝaj instruoj montras al ni la vojon por atingi la solvon de la grandega demando de nia tempo. La penso al la neceseco, forigi la danĝeron de minacanta milito estis jam grava zorgo de la Papo Leono XIII. En sia alparolado al la konsistorio de la 11a de Februaro 1889 la Sankta Patro diris la jenon: „Ankaŭ se kelkfoje ne estus eble forigi la militon, estas certa, ke ĝin sekvas ĉiam grandega mizero. Kaj tiu danĝero estas tiom pligranda en la nuna tempo kaj la estonteco, ĉar la armeoj ĉiam pligrandiĝas, la milita tekniko perfektiĝas kaj la batališoj plimultiĝas. Kiam ajn ni pripensas tion, ĉiam bruliĝas en nia koro la kompato je la kristanaj popoloj kaj pro tio ni ne povas trankviliĝi, ke ni nur observu la minacantan danĝeregon kun senaktiva zorgemeco. Ne ekzistas pli grava afero, ol forigi el Eŭropo la minacantan militan danĝeron kaj tial oni devas konsideri ĉiujn tiu-rilatajn klopodojn kiel ilo de la komuna bonfarto. Por ke ni povu esperi daŭran pacon, ne sufiĉas, ke oni nur deziras tion, ĉar la pacdeziro ne donas sufiĉan defendon kontraŭ la danĝero. La armeegoj kaj la ĉiun mezuron superantaj ekipoj eble dumtempe prokrastas



la eksplodon de la milito, sed ne povas doni fortan kaj certan trankvilon. Kontraŭe tiuj minacantaj ekipoj ebligas la pligrandigon de la reciprokaj suspekto kaj ĵaluzo. Pro tio la homoj maltrankvile rigardas la estontecon kaj la ĉiam pligrandiĝantaj ekipoj tiom ŝarĝas la popolojn, ke oni jam preskaŭ konsideras pli tolerebla la militon ol ĉi tiun armatan pacon. Tial oni devas serĉi pli fortan kaj naturan bazon de la paco. Ĉies rajto estas defendi sian propraĵon, ankaŭ kun batališoj, sed la perforto neniam estas leĝa kialo. Ĉar la bazo de la paco estas la justeco, oni devas starigi la interkonsenton de individuoj kaj ŝtatoj nur sur la justeco kaj amo."

Oni bonege scias, kiom da fojoj nia glore reganta Papo Benedikto XV. aŭdigis sian voĉon pri la afero de paca interkompreniĝo kaj forigo de la mondmilito. "Neniu diru", — tiel li skribas en sia cirkulero je la unua jarreveno de la mondmilito — „ke oni ne povus decidi la teruran konfliktojn inter popoloj sen la uzo de batališoj!" Oni ĉesigu jam la deziron, neniigi unu la alian! „Pripensu" — diras la Papo — „ke popoloj ne mortas, humiligitaj kaj subpremigitaj ili portas nur kun dentogrincado la nesubteneblan jugon kaj pripensante ĝin forŝeti, ili transdonas de unu generacio al la alia la heredaĵon de malamo kaj venĝdeziro". Pro tio la Sankta Patro ĝustege nomas la mondmiliton kvazaŭ la memmortigon de Eŭropo.

Dum la daŭro de la mondmilito nia Sankta Patro ĉiujare ripetis siajn alvokojn al la registaroj kaj estroj de la batalantaj popoloj, kaj li estis ankoraŭ, kiu projektis en ĝeneralaj sed precizaj linioj la planon

Mi ofte aŭdis plendojn, ke la estroj de la paca movado estas precipe **framasonoj, socialistoj aŭ nekristanoj**. Sed oni ne devas miri pri tio, ĉar bedaŭrinde la katolikaro forrestas el tiu movado, tute ne zorgas pri tiu vere kristana ideo. Ĉu tio ĉi ne estas honto por ni? Tamen dum jarcentoj la katolika eklezio, siaj ĉefpastroj kaj pastroj, siaj institucioj estis la ĉefaj konservantoj de socia kaj internacia pacoj, kaj la katolika scienco estas la **eltrovinto** de la pensoj kaj ideoj por starigi internacian interkonsenton. Oni ofte nomas' **Hugo Grotius** fondinton de la internacia juro, oni parolas pri la Hagaj konferencoj, kaj oni preskaŭ forgesis, ke la radikoj de la internacia juro nutriĝas el la honorinda katolika tradicio, ke la plej malnovaj skizoj de tiu ĉi juro troviĝas ĉe Sto Aŭgustino kaj poste ĉe Sto Thomas Akvinano. La eminenta scienculo Hugo Grotius mem sciigas nin, ke siaj fontoj kaj kvazaŭ majstroj estis la grandaj teologiistoj de la mez-



epoka kaj postmezepoka periodoj, nome Victoria, Suarez, Vasquez ktp. Kiel estas eble, ke ni nun, tempaj katolikoj ne memoras la sciencajn laborojn de niaj grandaj spiritaj prapatroj?

Nun oni ofte citas la famkonatan orientan verkiston Rabindranath Tagore, proklamanton de ĝenerala homamo kaj supernacia interkompreno. Precipe jenaj vortoj de la hinda scienculo meritas atenton: „Per la progreso de la teknikaj iloj la mondo fariĝas kvazaŭ unu regno. Kaj la momento proksimiĝas, kiam oni serĉas por tiu unueco ian bazon, kiu ne estas de nuna politika eco. Se Hindujo tiun problemon solvis, ĝi solvis ĝin ne nur por sie mem, sed por la tuta mondo. Ĉar nur unu historio ekzistas, la homa historio. La historioj de la popoloj estas nur ĉapitroj de la granda historio." Mi ne scias, kiamaniere sukcesis en Hindujo la solvo de tiu ĉi granda problemo t. e. la unuigo de popoloj, ĉu hodiaŭ la diversaj rasoj kaj kastoj de tiu granda duoninsulo jam estas unuigitaj — sed tion mi scias, ke dum la kristana epoko la solvo de tiu problemo iome sukcesis en nia duoninsulo Eŭropo. Ankaŭ en sufiĉe militemaj tempoj la unueco de la kristana popolfamilio ne ŝanceliĝis, ĝis kiam la supereco kaj ĉiupovo de la nacia ideo disiganta la popolojn grupigis ilin laŭ tute egoistaj principoj, kiujn oni kuraĝis nomi "sankta egoismo".

Tamen tiu ideo estas tute fremda al la kristana eŭropa kulturo, estas restaĵo de malnova pagana percepto, reenkondukita per la fama Machiavelli kaj poste akceptita per la modernaj materialistaj leĝistoj. Pro tio la moderna Eŭropo perdis la vojon, kiu povas konduki al la vera solvo de la granda internacia problemo, kaj ni devas honti, ke nun hinda scienculo intencas tiuflanke doni lecionon al nia kulturo, al tiu fiera Eŭropo, dume tamen antaŭ tri jarcentoj la franca Karmelito Emenic Coucé parolis ankoraŭ pli perfekte pri la sama temo!

Duobla tasko do atendas la katolikaron:

*a)* **La unua estas, ke ni konigu la preskaŭ forgesitajn fontojn de la ĉiama filozofio** (philosophia perennis) pri la interpopolaj rilatoj kaj la kristana interŝtata la pacon konservanta ordo.

Estas nepre nia devo daŭrigi la laborojn de la eminenta Vanderpool, ĉar bedaŭrinde nia katolika pacifista literaturo ne estas konforma al la graveco de la afero. Krom la verkoj de Vanderpool[1]) oni povas mencii la verkojn de Nys[2]), de Sägmüller kaj de la protestantoj Fr. W. Foerster kaj Wehberg. Tial ni ne devas kontentiĝi je tio; kontraŭe ni devas marŝi antaŭen sur tiu ĉi vojo. Je la komenco de la monato aŭgusto la internacia Ligo de virinoj por paco kaj libereco aranĝis en Salzburgo internacian kurson, kie anglaj, frankaj kaj germanaj scienculoj el diversaj vidpunktoj pritraktis la internacian problemon. Ankaŭ ni katolikoj devas agi, simile pritraktante tiujn temojn el la katolika vidpunkto.

*b)* La dua tasko estas disvastigi tiujn ideojn kaj pensojn inter la popolamasoj. Nia devo estas organizi katolikajn porpacajn societojn en ĉiu lando, kies celo estu akiri la animojn por la movado, eldoni verketojn, aranĝi propagandparoladojn, helpi la paceman gazetaron, skribe kaj parole forigi la popolmalamon, faciligi la internaciajn kunligojn kaj interrilatojn.

El la estraroj de tiuj naciaj societoj fariĝu internacia katolika centra oficejo, kies projekton ni jam havas en la Ika. La sukceso de nia konferenco dank' al Dio montras, ke la semo disĵetita lastjare en Hago ĝermas kaj promesas al ni kreskadon.

de internacia arbitracio por la certigo de daŭra kaj justa paco.

Estas do la devo de la tutmonda katolikaro kunlabori, ke la deziroj de nia Ĉefpastro plenumiĝu. La porpaca movado estas vere demokrata movado, estas la esprimo de la sopirado de la popolmilionoj. Do ankaŭ la tri cent milionoj da katolikoj devas aŭdigi sian voĉon kaj kriegon, ke ili deziras novan interŝtatan leĝordon anstataŭ la barbaran memmortigan metodon de la milito.

Ĉar estas vere, la popoloj ne malamas unu la alian. Estas nur la gazetaro, bedaŭrinde ofte ankaŭ la katolika gazetaro, kiu malamigas kaj incitas la popolojn unu kontraŭ la alian.

Estinte dum la printempo de la jaro 1914 en Stuttgart kune kun Sro Prof. Richet de Parizo por fari paroladon en la tiea paca societo, tiu franca scienculo rakontis la sekvanton: „Antaŭ kelkaj jaroj mi troviĝis en Leipzig kaj rigardante en la najbaraĵo de tiu urbo la monumenton de la mondbatalo de 1813,

[1]) A. Vanderpool, Le droit des guerres d'après les théologiens (Paris-Bruxelles 1911).

[2]) Nys, Origines du droit international.

mi renkontis tie kelkajn laboristojn, kun kiuj mi paroladis. Rimarkante ke ili estas iomete surprizitaj de mia fremda, al ili eble ne tute komprenebla dialekto, mi diris al ili: „Vidu, mi estas franco, kaj eble vi malŝatas aŭ eĉ malamas francojn." — „Tute ne," ili respondis, „vidu nur, ni portas sur nia brusto medalionon kun bildo de franca viro, Jacquard, ĉar ni estas teksistoj, kaj li plibonigis la maŝinon de nia metio. Pro tio ni estas dankemaj al lia memoro, kaj neniu pensas pri tio, ke li estis franco." Kiom da similaj okazaĵoj ekzistas en la vivo, ke unu popolo devas esti dankema al la alia! Kaj la popoloj sentas tion kaj praktikadas laŭ tiu sento.

Dum la milito mi legis en svisa gazeto la jenon: „Rusa militkaptito estis enloĝigita kiel helplaboristo ĉe bavara familio vilaĝana, kies sola filo siaflanke bataladis en la okcidenta fronto. La bonaj maljunaj geedzoj treege ŝatis, ekamis la obeeman, laboreman, bonaniman militkaptiton, kiu anstataŭis sian filon. Sed dumtempe venis malĝoja sciigo en la trankvilan domon. La sola filo mortis sur la kampo de la honoro, kiel oni diris. Komence la gepatroj estis preskaŭ nekonsoleblaj pro tiu grandega perdo, tamen ili trovis en lia Dikonfidema koro iom post iom konsolon kaj de tiu tempo ili ankoraŭ plue ŝategis sian karegan kaptiton kvazaŭ anstataŭantan la perditan filon. Sed ĉi tiu ne povinte elteni la akran alpoklimon, malsaniĝis, de tago al tago plimalfortiĝis, ftizo mortigis lin post duonjaro. Oni lin enterigis en la vilaĝa tombejo. Kaj kiam alvenis la tago de ĉiuj mortintoj la bona patrino iris en la tombejon, portinte du kandelojn, unu je la memoro le sia sub malproksima tero kuŝanta filo, la alian je la memoro de la malfeliĉa militkaptito. En la patrina koro de la naivega vilaĝanino la du malamikoj, kiuj, nekonante unu la alian, laŭdeve estus atakantaj unu la alian sur la batalkampo, fratiĝis.

Ĉu ni ĉiuj, anoj de diversaj nacioj ne havas komunan patrinon, la sanktan Dipatrinon kaj la sanktan eklezion, en kies koro ni devas unuiĝi kaj fratiĝi? Ne ekzistas pli forta amo ol la patrina amo, kaj ne ekzistas patrino pli amanta kaj per sia amo pli unuiganta ol la Sankta Virgulino, patrino de nia Savinto, filo de Dio kaj ankaŭ patrino de nia tuthomaro, kaj ne ekzistas patrino pli zorgema ol la sankta patrina eklezio. Ni do konfidu, ke ni per tiuj ĉi amo kaj gvidado povas akiri la unuecon kaj fratiĝon de la kristana popolfamilio.

Sed tamen laŭ la vorto de la Sankta Patro ne sufiĉas sopiri al tio, eĉ ne sufiĉas preĝi, sed estas nia katolika devo klopodi kaj labori per ĉiuj niaj fortoj por tiu ĉi nobla celo.

Verdire, kiam ni vidas la klopodojn de la socialistoj, ĉiam kaj ĉie propagandi siajn ideojn kaj laŭ tiuj agadi por sia internacieco, estus granda preterlaso, se ni ne agadus por nia sankta afero. Nure la katolicismo taŭgas, harmonigi la nacian ideon kaj internacian senton. Katolicismo kaj internaciismo estas preskaŭ sinonimoj, tamen la katolicismo estis ĉiam vera apogo de noblaj naciaj klopodoj. Por ni la nacia sento ne estas idolo, kiel ĝi fariĝis en modernaj tempoj per la influo de nova paganismo, neniigante tiamaniere la noblecon de tiu ideo, ĉar ĉiu idolservo detruas la plej altajn perceptojn de la homaro. Ni estas naciistoj en la nomo de Kristo, kaj ni estu internaciaj en la nomo kaj laŭ la ordono de la savinto de la tuthomaro.

Katolikoj faru ĉiam kaj ĉie vian devon!

Dro Aleksandro Gießwein, Budapest.

## La internacia katolika junula kongreso en Romo.

La kongreso okazis la 9an kaj 10an de Septembro. Ĉeestis ĉirkaŭ 100 personoj, kiuj konsistis el la reprezentantoj (Prezidantoj) de preskaŭ ĉiuj katolikaj junulaj asocioj tutmondaj. Kiel prezidanton de la kongreso oni elektis la prezidanton de la itala katolika junula asocio grafon Perikoli, kiel sekretarion ankaŭ italon. La dua punkto de la tagordo estis: Mallongaj raportoj pri la stato de la katolika junula movado de ĉiuj landoj. Oni donis ilin en 10 diversaj lingvoj. Entute ludis la lingva problemo dum la kongreso gravan rolon. Oni tre bone komprenis, ke sub tiuj cirkonstancoj oni ne povis atingi konkretan rezultaton. La 4a punkto de la tagordo estis la starigo de deklaracio de la komunaj principoj de la katolika junularo tutmonda. Pro tio oni elektis komisionon, kiuj konsistis el po unu reprezentanto de la ĉeestantaj junulaj asocioj. 5a kaj 6a punkto estis la fondo de la katolika junula internacio kun la sidejo en Romo. La francoj ne salutis tion, ili preferis neŭtralan landon. La centra sekretariejo same troviĝos en Romo. Prezidantoj de la internacio oni ne elektis, tiel ke oni ne povas paroli de la fondo de ligo. La internacio nur ekzistas en la starigo de centra sekretariejo.

La rezultato de la kongreso estis, ke en Romo la prezidantoj (junuloj ne estis reprezentataj, kvankam oni diris, ke estus junula kongreso) fondis katolikan junulan internacion sur la papero. Mi parolis private kun multaj ĉeestantoj kaj faris la proponon, ke ni en la ĝisnuna elprovita maniero daŭrigos nian laboron. Ni volas katolikan junulan internacion, kiu efektive kunekondukas junulojn kaj estas ankaŭ portata de la katolika junularo. Oni konsentis. En Romo oni fondis ligon de centrojoj de ĉiuj katolikaj junulaj asocioj. Ni kreos la vivantan internacion. Oni plue konsentis, ke ni formas en Graz la Esperantigan centrejon, kiu celas, realigi Esperanton kiel komunan lingvon de la tutmonda katolika junularo, ĉar sen komuna lingvo junula internacio ne bone estas pensebla. La kongreso en Romo pruvis tion sufiĉe klare. Mallonge, ni laboras kiel ĝis nun, sed en interkonsento kun la Roma centrejo, nur ni provas porti la penson de la katolika internacio en la katolikan junularon por tiamaniere elplenigi la eksteran kadron kun vivanta internacia junula komuneco.

La tutestraro de Moka konsentis kun mia propono, kaj Moka daŭrigis en la ĝisnuna maniero la laboron serĉante ĉefe individuajn membrojn, kiuj estas entuziasmigitaj por nia granda movado.

Hanns Sappl, Graz, Ĉefsekretario de Moka.

## La katolika Esperanto — movado kaj Ika.

En ankoraŭ multaj rondoj de katolikaj Esperantistoj regas malkompreno rilate al la katolika Esperanto-movado kaj Ika. Pro tio ŝajnas al mi necesa, priskribi en mallonga artikolo la nuntempan veran staton. Ankaŭ la okazintaj internaciaj katolikaj konferencoj kunhelpis klarigi la aferon.

Antaŭ ĉio ni devas konstati, ke Ika tute ne estas katolika Esperantista asocio, sed universala unuiĝo por la tutmonda katolikaro. Ĝi nur akceptis — kiel multaj aliaj internaciaj organizoj, Esperanton kiel interrilatan kaj korespondan lingvon, do kiel ilon por ebligi reciprokan interkonprenon de la katolikoj diversnaciaj. La celo de Ika neniam povus esti la ekskluziva propagando de Esperanto. — Fine ni ne devas forgesi, ke Ika antaŭ la denova fondo de IKUE kreis propran Esperantan fakon, kiu laboris por la propagando de Esperanto inter la katolikoj. Certe oni faris kelkajn malsignifajn erarojn en Hago dum la fondo de Ika, sed intertempe Ika klopadis ĉiumaniere egaligi ilin.

Laŭ deziro de diversaj katolikaj Esperantistoj, Ika, kiu estas laŭrajta sukcesanto de la antaŭa IKUE, starigis en' interkonsento kun ĉiuj prezidantoj de naciaj katolikaj Esperanto-organizoj ligon de la naciaj katolikaj asocioj sub la nomo IKUE. Do IKUE estas fakte la plivastigo de la jam ekzistinta Esperanto fako interne de Ika. — IKUE intertempe kun provizore elektita prezidantaro agadis.

Dum la internaciaj katolikaj konferencoj en Graz oni denove detale pritraktis la aferon kaj solvis ĝin definitive. Okazis la ĝenerala kunveno de IKUE, dum kiu oni elektis la definitivan estraron, fiksis la laboramplekson kaj priparolis la statutojn, kaj elektis K. M. kiel oficialan organon ankaŭ de IKUE. Do IKUE estas nove fondita, en sia interna organizo memstara, havas propran estraron, laboron kaj agos tute laŭ la deziroj de la katolika Esperantistaro.

La rilatoj inter Ika kaj IKUE estas per tio sufiĉe klaraj kaj la pli frua ŝajna ekzistanta konflikto tute solvita. Al ĉiuj katolikaj Esperantistoj mi alvokas, estu konvinkitaj, ke IKUE sub la nova estraro sendube kreskos kaj floros.

Hanns Sappl, Graz, Ĉefsekretario de IUKE.

# !! Atentu !!

Ni sciigas majn legantojn, ke ni plialtigis la abonprezon por Aŭstrujo, Hungarujo kaj Polujo. Granda plialtigo de la preselspezoj kaj la malpligrandiĝo de la valuto de la supre nomitaj landoj necesigas tion.

La jam pagintaj abonantoj ricevos la garantiitajn 10 numerojn. La novaj prezoj estas nur por la novaj abonontoj aŭ ĝis nun ne pagintoj.

## Interparlamenta Ligo Katolika de la „Popolari".

Preskaŭ ĉiulande kai ĉiuronde en la katolika mondo oni rekonas hodiaŭ la urĝan neceson de internacia kunlaborado politika de la katolikoj. Sed samtempe oni rekonas la grandegan malfacilaĵon de tiucela tasko en la nuna tempo. Ĉar oni ne nur devas rigardi la politikan disiĝon inter la parlamentanoj de la diversaj ŝtatoj; tute ne; eĉ la katolikaj politikistoj en la unuopaj landoj tute ne estas unuiĝintaj. Ekzemple en Francujo, en Hispanujo multaj parlamentanoj estas katolikoj, sed ili apartenas al la plej diversaj partioj de la ekstrema dekstro ĝis la demokrata kaj kristano — sociala maldekstro. En aliaj ŝtatoj ekz. en Usono ne ekzistas aparta katolika parlamenta grupo. La kialo de ĉi tiu malagrabla kaj malutila situacio estas la manko de tute klara katolika universala programo politika, kiu estus bazita sur la eternaj fundamentoj katolikaj de la justeco kaj karito.

La sekvo de ĉi tiu situacio estas, ke ĝis nun ne estis eble, krei vere internacian katolikan union interparlamentan kun vere universala katolika politika programo, dume la socialistoj jam depost dekjaroj havas tiuspecan programon kaj entuziasmigas milionojn da homoj.

Tamen ni vidas multajn iniciatojn por fine krei politikan kunlaboradon internacian inter la katolikoj, kompreneble ne universalan, sed kunlaboradon de unuopaj grupoj, kiuj havas saman aŭ similan programon.

En la lastaj monatoj precipe la itala popolpartio („popolari") kun bona sukceso propagandas la ideon de Kunligiĝo Interparlamenta Katolika („entente interparlamentaire") inter la grupoj kaj partioj kun similaj programoj kiel la „popolari". Jen la ĉefvidpunktoj de tiu ĉi interesega projekto.

La Ligo Interparlamenta klopodas faciligi la reciprokan konatiĝon kaj kunvenon ĉiujaran de la grupoj aliĝintaj por la celo pligrandigi la influon de la katolikoj sur la kampo leĝdonada kaj politika laŭ la principoj de la justeco socia kaj Krista solidareco. Ĝi rekonas la plej absolutan memstarecon kaj nacian liberecon de la grupoj parlamentaj aliĝintaj.

Precipe ĝi provas laŭeble krei unuecan procedadon de grupoj aliĝintaj rilate al la Ligo de la nacioj kaj la dependantaj institucioj; plue starigi en ĉiu ŝtato informoficejon, por komuniki al la eksterlandanaj amikoj ĉion detalan pri la parlamenta aŭ leĝdonada agadoj kaj helpi al la deputatoj vojaĝantaj eksterlande; plue studi la deziresprimojn de internaciaj katolikaj institucioj; fine faciligi la konferencojn inter du aŭ pluraj ŝtatoj, organizi komunajn demonstraciojn, eldoni monatan gazeton kaj jarlibron, prepari ĉiujare interparlamentan konferencon.

Por gvidi la aferojn de la ligo estas proponita Centra Oficejo.

Certe belega programo! Donu Dio plenan sukceson! Ika povas esperi amikan kaj fruktoplenan kunlaboradon kun la nova institucio internacia.

Argus.

## Letero de la protektoro de Moka.

Jus mi sciiĝis per mia delegito, pastro Andreo Ce, ke Moka min elektis kiel protektoron. Mi tutkore ĝojus, se mi povus iamaniere servi al la nobla celo de tiu organizacio kaj povus vidi unuigitan la katolikan junularon tutmondan en la sama kristana penso, en la amo de serioza studo kaj en efika labore kiel membroj de la sama granda kristana familio.

Kun la koregaj bondeziroj por la plua prospero kaj sendante al vi malgrandan donacon de 200 Lei mi restas.

Via sindona Gustavo Karlo Majlath,
Episkopo de Transilvanio.

## Internacia poŝto.

**Al ĉiuj.** La ĉiama senvalorigo de la aŭstra mono multege malfaciligas ekzaktan kalkulon pri la financa plano de K. M. kaj malhelpas kompreneble la regulan aperon de K. M. Do estas nepre necesa por ĉiuj, ke ili tuj sendu la abonpagon en naciaj bankbiletoj por ke ni povu tutklare kalkuli pri la mono estanta al la dispono. Per tuja kaj regula abonpago vi helpas garantii la daŭran aperon regulan.

**Al multaj.** Jes, ni bone komprenas vian zorgon, eĉ timon pri la sorto de K. M. Sed estu konfidemaj! Ni faras ĉiun eblan por regule eliri la gazeton. Ŝajne ankaŭ regas iometa malkompreno pri la apero de K. M. La 1a numero, aperinta la 1an de aŭgusto nur estis specimena numero por montri praktike nian planon. Laŭintence la 2a numero devis aperi ĝis la fino de septembro. El teknikaj kialoj (la presejo devis kompletigi sian ekipon por Esperanto-presaĵoj), prokrasto de kelkaj tagoj estis necesa. La 3a numero laŭplane aperos je la fino de l' oktobro, la 4a je la fino de novembro, la 5a je la 1a januaro.

**Bonaj noveloj.** Por la felietono de K. M. ni serĉas laŭstile kaj laŭenhave belajn novelojn, originale verkitajn aŭ tradukitajn el iu lingvo nacia. Ni petas tiuj sendi la verketojn!

## Internacia literaturo.

L'État Lituanien (La litova ŝtato) per P. Klimas, Parizo 1919. Montras per la oficialaj dokumentoj la evoluon de la nova, preskaŭ tute katolika ŝtato.

La Struvelpetro. Beletaj rakontoj kaj komikaj bildoj de Dro H. Hoffmann; trad. J. D. Applebaum. Rütten di Loening, Frankfurt a. M., Germanujo. Prezo bind. 18 mk. g.

Nova bonega Esperantovarbilo precipe por la infanaro. Dankon al la eldonejo kaj al la tradukinto, kies tasko vere ne estis facila!

## ? Kioma estas la abonprezo por K. M. ?

K. M. aperas en kolektoj po 10 numeroj. Jen la prezo por la unua kolekto, kies apero estas garantita por la eldonejo: Anglujo, Hispanujo, Svisujo kaj samvalutaj ŝtatoj 4 ŝl., pes., fr. ktp., Nederlando kaj Brazilio 2 fl., 2 mrs., Usono 1 dol., Belgujo, Francujo kaj samvalutaj ŝtatoj 5 fr., Italujo, Jugoslavujo 6 l., d., Germanujo kaj Baltiko 10 g. mk., Litovujo, Ĉeĥoslovakujo, Rumanujo, Bulgarujo 10 kr. ĉ., lev. ktp. Aŭstrujo, Hungarujo 60 kr. aŭstr., hung., Polujo 100 mk.

**NB.** Oni sendu la monon plej bone per naciaj bankbiletoj de la propra lando al Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5, Aŭstrujo, aŭ al la nacia direktoro de Ika. Por Germanujo (Karlsruhe 26.195), Aŭstrujo, Ĉeĥoslovakujo, Svisujo oni postulu poŝtpagilojn de l' eldonejo. Oni povas komenci la abonon per iu ajn numero.

**NN. Oni ne pagu per poŝtavizoj!**

## Anoncoj.

La prezo por anoncoj egalas po kvadratcentimetro la prezon de unu numero de K. M. en la nacia valuto de l' anoncanto. Por grandspacaj aŭ pli ofte presigotaj anoncoj rabato ĝis 40 %; plue por abonantoj de K. M. speciala rabato de 20 %.

## Anoncetoj.

La kostoj por unu foja enpresigo ĝis 25 vortoj egalas la prezon de 5 numeroj (duonkolekto) en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.

## Anoncetoj por korespondado aŭ interŝanĝo.

La kostoj por unu foja enpresigo ĝis 15 vortoj egalas la prezon de 3 numeroj de K. M. en la nacia valuto de l' anoncanto; por pliofta enpresigo rabato.



Eldonejo: Paŭlus-eldonejo, Graz, Karmeliterplatz 5. — Redakcio: Dr. M. J. Metzger, Graz. — Presistejo: „Styria", Graz.